# VERDA STELO

GAZETO ESPERANTISTA

LA MALKARA MONATA ORGANO INTERNACIA DE ĈIU ESPERANTISTO

**Abono.**

Simpla jarabono 2.— sv. fk.

Kolektivaj abonoj al unu adreso: minimume 5 abonoj po 1.50 sv. fk.; minimume 10 abonoj po 1 20 sv. fk.; minimume 25 abonoj po 1.10 sv. fk.

La prezoj validas nur ĉe antaŭa pago por tuta jaro. Ĉe alimaniera pago (monata, kvaronjara k. a.) unu numero kostas 0,20 sv. fk., 5 ekz de unu numero po 0.15 sv. fk., 10 ekz. po 0.12 sv. fk., 25 ekz. po 0.11 sv. fk.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Reklamo.**

Anoncoj: po unucentimetra kolonero (8,5 cm larĝa) egalvaloro de 5.— sv. fk.

Anoncetoj (nur kontraŭ antaŭa pago): po enpreso kaj vorto (aŭ mallongigo) egalvaloro de 0 10 sv. fk., minimume 1.— sv. fk.

Rabato: 3 foje 10%, 6 foje 15%, 12 foje 20%.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Adreso:**

**Heroldo de Esperanto**

**Horrem bei Köln (Germanujo)**

Fako: **Verda Stelo.**

**Redaktoro:** Teo Jung.

**Poŝtĉekaj kontoj:**

Germanujo: Köln 75102 Heroldo de Esperanto, Horrem.

Danujo: 4962, Heroldo de Esperanto, Horrem (Germanujo).

**Diverslandajn valutojn ni akceptas je sekvanta kurzo:**

0.10 svisa franko = 0.05 arg. peso, 1 angla penco, 0.14 aŭstra ŝilingo, 0.14 belgo, 0.16 braz. milr., 5 bulg levoj, 0.65 ĉsl. krono, 0.07 1/2 dana krono, 8 est. markoj, 0.80 finna marko, 0.50 fr. franko, 0.08 germ. marko, 1.50 gr. drakmoj, 0.12 1/2 hisp. peseto, 0.12 pengo, 0.35 itala liro, 0.04 jap. jeno, 1.10 jsl. dinaroj, 0 10 latva lato, 0 20 litova lido, 0.05 nederl. guld., 0.08 norv. krono, 0.17 pola zloto, 0.40 port. eskudo, 4 rum. leoj, 0,07 1/2 sveda krono, 0.04 turka funto, 0.02 urugv. peso, 0.02 usona dolaro.

La diversajn valutojn ni akceptas nur el la koncernaj landoj, sed el ĉiu lando ni akceptas pagon per sv. fk, germ. rmk, us. dolaro, angla funto aŭ sveda krono. Rusoj pagu al la agentejo de Heroldo: Geo. Teterin, Fontanka 21, kv. 7, Leningrad, laŭ kurzo: 0.10 sv. fk. = 0.04 or-rubl. kaj 20% por perado.

**N-ro 5** **Majo** **1927**


# Esperanto progresas.

## Esperanto.

La sudslava ministro de Trafiko aprobis, per dekreto de 21 marto 1927, ke en ĉiuj vagonoj de l' sudslava fervojaro, destinitaj por internacia trafiko, Esperanto estu aplikata sur oficialaj afiŝoj kaj avizoj, ekzemple „Ne klinu vin el la fenestro", „Alarmbremso" ktp.

La ĉefrevizisto de la komisiono por revizi la hindustanan tradukon de la Biblio, universitata profesoro Mahomet Ismail en Lahore, lernis Esperanton por ke li povu uzi la bonegan Esperanto-tradukon de la Biblio por komparo kun la hindustana teksto.

La urba administracio de Offenbach a. M. (Germanujo) konsentis por la nuna lerneja jaro denove 1500 rmk. por la instruado de Esperanto al popollernejanoj.

La Pariza ĉefpolicejo (Préfecture de Police) elpendigis afiŝon kun ĉiuj reguloj koncerne la karton de identeco (carte d'identité) en la lingvoj franca kaj Esperanto.

**Paskon okazis bonsukcesaj naciaj Esperanto-kongresoj: la 18-a Brita en Cheltenham, la 16-a Germana en Köln, kaj la Estona en Tallinn (Reval). Samtempe okazis en Praha internacia konferenco „Paco per Lernejo", ĉe kiu Esperanto estis la ĉefa lingvo uzata.**

**Indiana poeto D-ro Skiuhuŝu (Ruĝa Vulpo) intencas interesigi la nordamerikan indianaron pri Esperanto.**

## English.

The South-Slovenian Ministry of Communications approved by a decree dated the 21st of March, 27 the introduction of Esperanto into all trains used for international traffic. All official notices and warnings, such as — "Do not lean out of the window" — "Communication cord" — etc. will henceforth be in Esperanto.

The principal Supervisor of the Indian Commission, appointed for the revision of the Hindustani translation of the Bible, Prof. Mahomet Ismail of the University of Lahore, has studied Esperanto, so that he can use the excellent Esperanto translation of the Bible for comparison with the Hindustani text.

The town administration of Offenbach a. M. Germany, has again granted this year a sum of 1500 Marks for the teaching of Esperanto in the elementary schools.

The Paris central police office (Préfecture de Police) has issued notices concerning the regulations for cards of identification (carte d'identité) in French and the Esperanto languages.

**During Easter veek-end three very successful national Esperanto Congresses took place: the 18th British at Cheltenham, the 16th German at Köln (Cologne) and the Esthonian at Tallinn (Reval). At the same time, at Prague, Czechoslovakia, there took place an International Conference "Peace by means of the school" at which Esperanto was the chief language of debate.**

**The Indian Poet Dr. Skiuhushu (Red Fox) intends to start a vigorous propaganda for Esperanto among the North American indians.**

## Deutsch.

Der südslavische Verkehrsminister hat durch ein Dekret vom 21. März 1927 angeordnet, daß in allen Wagen der südslavischen Eisenbahnen, soweit sie dem internationalen Verkehr dienen, Esperanto für die offiziellen Anschläge und Mitteilungen angewendet werden soll, z. B. „Nicht aus dem Fenster lehnen", „Notbremse" usw.

Der Oberrevisor der Kommission zur Revision der hindustanischen Bibelübersetzung, Universitäts-Professor Mahomet Ismail in Lahore, hat Esperanto erlernt, um die vorzügliche Esperanto-Bibelübersetzung zum Vergleich mit dem hindustanischen Text heranziehen zu können.

Die städtische Verwaltung von Offenbach a. M. (Deutschland) hat für das laufende Schuljahr erneut 1500 RM. zum Zweck des Esperanto-Unterrichts an Volksschüler bewilligt.

Die Pariser Polizei-Direktion (Préfecture de Police) hat ein Plakat ausgehängt, das die den Personalausweis (carte d'identité) betreffenden Bestimmungen in der französischen Sprache und in Esperanto enthält.

**Ostern haben folgende erfolgreiche nationale Esperanto-Kongresse stattgefunden: der 18. Britische in Cheltenham, der 16. Deutsche in Köln und der Estländische in Reval. Gleichzeitig fand in Prag eine internationale Konferenz „Zum Frieden durch die Schule" statt, auf welcher Esperanto die am meisten gebrauchte Sprache war.**

**Der Indianerdichter Dr. Skiuhuschu (Roter Fuchs) beabsichtigt, die nordamerikanischen Indianer für Esperanto zu interessieren.**

## Français.

Par décret du 21 Mars 1927 le ministre des communications et du transit de Jougoslavie a autorisé l'emploi de l'esperanto pour les affiches et les avis officiels (p. ex. „Il est défendu de se pencher par la portière", „Signal d'alarme" etc.) dans tous les wagons des chemins de fers de Jougoslavie destinés aux communications internationales.

Mahomet Ismail, professeur à l'Université de Lahore, présidant la commission chargée de réviser la traduction de la Bible en hindoustani, a appris l'esperanto afin de pouvoir employer l'excellente traduction de la Bible en esperanto et la comparer avec le texte en hindoustani.

L'administration municipale d'Offenbach a. M. a renouvelé pour cette année scolaire la subvention de 1500 RM. accordée à l'enseignement de l'esperanto dans les écoles populaires.

La Préfecture de Police à Paris a apposé une affiche donnant en français et en esperanto tous les renseignements concernant la Carte d'identité.

**A Pâques ont eu lieu plusieurs Congrès nationaux qui ont remporté un vif succès: Le 18e Congrès britannique à Cheltenham, le 16e Congrès allemand à Köln (Cologne), le Congrès esthonien à Tallinn (Reval); en même temps a eu lieu à Praha (Prague) une Conférence Internationale „La Paix par l'école" où l'esperanto était la principale langue employée.**

**Le poète indien Dr. Skiuhuŝu (Renard Rouge) a l'intention d'intéresser les Indiens de l'Amérique du Nord à l'esperanto.**

# Tra Esperantujo.

### Zamenhof-soleno.

La 14. 4., okaze de la 10-a datreveno de la mortotago de D-ro Zamenhof, la Varsoviaj kaj polaj esp. organizajoj demetis sur la tombo de la Majstro grandan florkronon kun surskribo: „Al nia neforgesebla Majstro dum la X-a datreveno de lia mortotago", kaj kun ok rubandoj, kies ĉiu surhavis la nomon de alia esp. organizajo. Paroladis Prof. D-ro Bujwid, prezidanto de Pola Esp. Delegitaro; Prof. Świecimski, nome de Pola Esp. Asocio; f-ino Szenfeld, nome de „Konkordo"; kaj reprezentanto de Pola Esp. Instituto.

### Naciaj Esperanto-kongresoj

okazis je pasko en Cheltenham-Spa (la brita) kaj en Köln (la germana). La britan kongreson partoprenis ĉ. 300 gesamideanoj, la germanan ĉ. 250. La venontjara germana kongreso okazos en Potsdam, en la centro de la regno. Ankaŭ la estlandaj samideanoj festis sian jarkunvenon je pasko, en la ĉefurbo de sia lando (Tallinn-Reval).

### Ŝipo al Danzig.

La „Compagnie Générale Transatlantique" intencas sendi ŝipon „La Pologne" al la Kongreso de Danzig. La ŝipo forlasos Le Havre (Francujo) ĉirkaŭ la 22-a de julio. Veturdaŭro tri tagoj kaj dek horoj. Prezoj por kongresanoj, ĉio enkalkulita, en 1-a klaso 500 fr. fk., en 2-a kl. 350 fk. kaj en 3-a kl. 250 fk. — Adreso: Compagnie Générale Transatlantique, 6 Rue Auber, Paris 9.

### Esperanto kaj radio.

Radio-Lyon (391 m) enmetis en la „Parolatan gazeton" ĉiuvendrede de 19.30 ĝis 19.45 kelkajn franclingvajn sciigojn pri Esperanto.

### La 7-a Aŭstria Esp. Kongreso

okazos en Wien (4.—6. 6.) en la festsalonego de „Neue Hofburg". Samtempe okazos Esperanto-ekspozicio kaj ankaŭ la grandaj „festsemajnoj". Aliĝojn al la kongreso (kotizo 2 aŭstr. ŝil.) oni adresu al ĉefinsp. Steiner en Bisamberg bei Wien.

# Tra la mondo.

Bonfaraj estas la elementoj, kiam la homo ilin saĝe limigas kaj estras; sed kiam ili sukcesas transpaŝi la limojn, kiam la homo perdas la estrecon super ili, tiam per giganta forto ili efikas detruante, malbonon kaj malfeliĉon portante.

Tiel okazis en Usono, en sudorienta Arkansas kaj precipe en la Mississippi-delto, kie preskaŭ 40 urboj kaj sennombraj vilaĝoj estas inunditaj de la furiozantaj akvoj de l' Mississippi. 200 000 homoj estas jam senhejmaj, 600 aŭ pli multe jam dronis, kaj la ĝis nun kaŭzita domaĝo estas taksata je 200 milionoj da dolaroj.

La tuta urbego New Orleans estas minacata, kaj ĝiaj 400 000 loĝantoj vivas en konstanta timo pri sia havajo kaj eĉ sia vivo. Por deteni la danĝeron, la guberniestro de la ŝtato Louisiana ordonis eksplode detrui la Podyras-digon, per kio la danĝero estas provizore detenita de New Orleans, sed denove 5000 homoj perdas sian hejmon kaj sian havajon. Malgraŭ tio la loĝantaro de New Orleans preparas sin por eventuale forlasi la urbon.

Ĉiujare la Mississippi kaŭzas grandajn inundojn, sed la nunjara inundo estas vere katastrofa.

Ankaŭ en aliaj landoj la printempaj pluvoj kaj ventegoj kaŭzis gravan domaĝon, ekzemple en Germanujo la riveroj Elbe kaj Havel inundis vastajn teritoriojn, kaj la registaro intencas delokigi la enfluon de la Havel.

En Bengalujo (Hindujo) furiozas ĥolera epidemio. En la pasinta monato mortis, laŭ gazetraportoj, ĉ. 10 000 personoj. Oni esperas baldaŭajn pluvojn, kiuj limigus la pluan disvastiĝon de la epidemio.

La provadoj, transflugi la Atlantikon, daŭras. Portugala aviadisto Barros, kiu provis de la Kapverdaj insuloj flugi al Brazilo, devis 300 km antaŭ la brazila bordo surakviĝi. Li estis akceptata de itala vaporŝipo. Alia portugalo, Ferreiro, intencas flugi senhalte de Lisbono Labradoron. Krom tio preparas sin du francoj: Nungesser kaj Drouhin, la laste nomita estas reprezentanto de la Farman-uzinoj. Ankaŭ usona aviadilo „Bellance" estas preta por provi transatlantikan flugon.

En Ĝenevo okazas nuntempe grava mondekonomia konferenco, kiun partoprenas ankaŭ reprezentantoj de Sovet-Ruslando. Oni povas esti scivolema, ĉu la konferenco naskos konkretajn rezultatojn.

En la plimulto da landoj nun definitive ekregis la printempo. La naturo reverdiĝis kaj ĉie bonodoras kaj okulon ĝojigas riĉa flortapiŝo. La mondo estas tiom bela, sed ne ĉiuj volas tion kompreni . . .

# Esperanto kaj la persa lingvo.

En malnova numero de Heroldo (n-ro 283) mi provis montri, kiom granda estas la komuneco de vortoj kaj unugentaj radikoj en Esperanto kaj la persa lingvo. En la nuna artikolo mi montros la komunecon de ambaŭ lingvoj en alia sfero — vortfarado.

Ni scias, ke la plej ĉefa indo, kiun nia majstro enmetis en Esperanton, estas la maniero de vortfarado per sufiksoj kaj prefiksoj. Nu, simila maniero de vortformado, en multaj okazoj analogia al Esperanto, ekzistas en la persa lingvo kaj ankaŭ, kiel en Esperanto, ludas gravan rolon en la vivo de tiu ĉi lingvo. Sed en la persa lingvo, kiel ĉiam en naturaj lingvoj, tiu vortfarado subiĝas al diversaj esceptoj (sufiksoj por samsignifaj formadoj estas multaj kaj diversaj), dum en Esperanto ni havas klare difinitajn por ĉiu okazo sufiksojn kaj prefiksojn sen iu ajn escepto, kaj la vortformado fariĝas laŭ precizaj paradigmoj.

Prenu, ekzemple, sufikson **in**. En la persa lingvo, same kiel en Esperanto, ne ekzistas divido de substantivoj laŭ gentoj. Do, por la distingo de **ina** gento oni aldonas prefikson **made**, t. e. **ino**, ekzemple: muso — muŝ, musino — mademuŝ; urso — hirs, ursino — madehirs; bovo — gav, bovino — madegav.

El montrita analogio ŝajnas, ke la uzado de **ino** en Esperanto, kiel sinonimo de virino, kaj **ineco**, kiel egala eco kun virineco, ne estas ĝusta. Ja virino estas homino, sed ino montras ĉiun estulon de ina gento kaj devas koincidi laŭ signifo kun franca — femelle, rusa — samka, persa — made.

Sama kiel en Esperanto sufikso **ig** ekzistas en la persa lingvo infikso **an** (korespondanta al infikso **der** en turka lingvo), kiu havas sencon de igo — stimulo, ekz.: ricevi — residen, ricevigi — resaniden; porti — borden, portigi — boranden; manĝi — horden, manĝigi — horanden; turklingve: morti — olmek; mortigi — oldermek.

Por formado de ideajoj analogiaj kun esperantaj vortoj havantaj sufikson **ej** en la persa lingvo ekzistas sekvantaj vortoj-sufiksoj: **hane** (domo), **gah** (loko), **stan** (ejo), ekz.: kafo — kahve, kafejo — kahvehane; ankro — lenger, ankrejo — lengergah; preĝo — namaz, preĝejo — namazhane; dormo — hab, dormejo — habgah; tombo — kabr, tombejo — kabrestan; ankaŭ: zem — malvarmo, zemestan — vintro; tab — varmo, tabestan — somero.

Jen estas klara ekzemplo, kiel en artefarita lingvo ĉiu sufikso donas precizan difinon, kaj en natura lingvo kontraŭe unu sufikso havas multajn signifojn kaj eĉ servas por diverssencaj vortformadoj.

Preskaŭ analogia al sufikso **ul** ekzistas en persa lingvo sufikso **mend** kun iom limigita signifo: posedanto de io, ekz.: riĉo — dovlet, riĉulo — dovletmend; forto — zur, fortulo — zurmend; saĝo — herd, saĝulo — herdmend.

Tute analogia al sufikso **uj** ekzistas en la persa lingvo multe uzebla sufikso **dan**, ekz.: plumo — kalem, plumujo — kalemdan; cigaro — sigar, cigarujo — sigardan; kafo — kahve, kafujo — kahvedan; sukero — ŝeker, sukerujo — ŝekerdan.

En kelkaj okazoj persa sufikso **dan** koincidas kun esperanta sufikso **ingo**, ekz.: kandelo — kandil, kandelingo — kandildan.

Interalie interese estas precize difini, kian signifon en Esperanto havas vorto floringo: ĉu tio estas butontruo en vira vesto aŭ florvazeto?

Por formado de landnomoj en la persa lingvo ekzistas jam supre nomita sufikso **stan**, ekz.: afgano — afgan, Afganujo — Afganestan; armeno — armeni, Armenujo — Armenistan; hindo — hendu, Hindujo — Hendustan; ankaŭ (rig. supre): tombo — kabr, tombejo — kabrestan (mortulujo).

Ankoraŭ unufoje oni vidas el la cititaj ekzemploj, kiel nelogika, neregula, estas la uzado de samaj sufiksoj en nacia lingvo kaj kiel preciza ĝi estas en Esperanto.

Same oni povas diri pri sufikso isto. Tie, kie en Esperanto oni uzas tri, sed precize difinitajn en sia signifo sufiksojn **ul, an, ist**, en la persa lingvo ekzistas multaj: **ban, dar, saz, ger, i, ĉi** k. a., ekz.: dento — dendan, dendisto — dendansaz; libro — defter, librotenisto — defterdar; kupro — mes, kupristo — mesger; pordo — der, pordisto — derban; droŝko — dorojke, droŝkisto — dorojkeĉi; muziko — muzik, muzikisto — muzikĉi; ŝalo — ŝal, ŝalovendisto — ŝalĉi; nomo — nam, nomulo (renomulo) — namdar; Teherano — Teheran, Teheranano — Teherani aŭ Teheranĉi.

Por modifi la vorton en pli malgrandan gradon, en la persa lingvo, kiel en Esperanto sufikso **et**, oni uzas du sufiksojn **ek** aŭ **ĉe**, ekz.: rafano — torob, rafaneto — torobĉe; arbo — dereht, arbeto — derehtek; bazaro — bazar, bazareto — bazarĉe; urbo — ŝehr, urbeto — ŝehrek.

Oni uzas ankaŭ sufikson **ek** en signifo de esperanta sufikso **aĉ**, ekz.: homo — merd, homaĉo — merdek.

Por esprimi econ aŭ staton oni uzas en la persa lingvo, analogie kun esperanta **eĉ**, sufiksojn **i** kaj **ie**, ekz.: juna — ĝevan, juneco — ĝevani; patro — peder, patreco — pederie; emiro — emir, emireco — emiri; satano — ŝeitan, sataneco — ŝeitanie.

Ĉu ankoraŭ daŭrigi tiun ĉi liston de analogioj kaj paraleloj inter esperantaj kaj persaj sufiksoj, ĉar ĝi ne estas elĉerpita? Estas sufiĉe. Ja el cititaj ekzemploj klare oni vidas la parencan komunecon inter la sufiksoj de ambaŭ lingvoj. Kaj en ambaŭ lingvoj ĉi tiuj sufiksoj estas gravega ilo por la vortfarado, granda faktoro por la disvolviĝo de la lingvo mem, ĉar ili servas por nuancigado de diversaj esprimaj kaj por ilia riĉiĝo per novaj kaj novaj epitetoj.

Fine mi volas mencii, ke en la persa lingvo ne ekzistas tiel grava sufikso kiel esperanta **il**, aŭ malpli gravaj sufiksoj-modifiloj **ar, er**. Certe tiu ĉi fakto ankoraŭ unufoje pruvas la geniecon de la kreinto de Esperanto.

E. Rebrik.

# Penseroj pri la vivo.

Granda, grandega estas la bela mondo. Riĉaj kaj abundaj estas ĝiaj en- kaj surteraj trezorejoj. Varia kaj diverskaraktera estas la kreskaĵaro, la bestaro, la homaj gentoj de la mondo. Nordo kaj sudo, okcidento kaj oriento prezentas tiom da bela kontrasto, tiom da animon altiganta diverseco!

Ĉi tie — la tikletanta malvarmo, la trapenetranta frosto; tie — la karesema, milda varmo, la ĉiam ridetanta kaj radianta, ĉion kreskiganta kaj viviganta suno.

Alternas la naturo mem, alternas ĝiaj produktaĵoj. Valoj kaj altiĝantaj al ĉielo montaroj, ebenaĵoj, stepoj, arbaroj, kampoj kaj aromaj floroj ornamas la surfacon de la tero. Oceanoj kaj maroj, riveroj kaj lagoj plidiversigas la multkolorecon de la tergloba supraĵo.

Kaj sub la senlima ĉielo estas ankoraŭ tiom da neokupita terajo, tiom da nekulturita humo!

Aldonu al ĉio ĉi la nuntempan staton de la tekniko kaj scienco, kiel rezultojn de l' homa racio, sperto kaj scio, pere de kio oni, por tiel diri, kapablas nun bridi kaj gvidi laŭ homa deziro la naturon kaj ĝiajn aperajojn, — kaj oni rajtas konstati, ke la surtera homa vivo devus esti vere „paradiza".

Sed, ho ve!, simila konstato estas nura iluzio, nura ŝajnaĵo . . .

Kvankam ĉiuj argumentoj estas por la surtera paradiza vivo, tamen efektive en la reala homa vivo ĉie en la mondo malestas la necesa konkordo, unuanimeco, volo kaj deziro por efektivigi la paradizan surteran vivon.

La naturo abunde prezentas siajn riĉaĵojn kaj belegaĵojn por la utilo de la homaro, kaj la memkontenta homaro piedpremas la prezentitajn al ĝi bonaĵojn . . .

La teknikon — rimedon por kreado kaj utiligado — la homoj aplikas kiel rimedon por ekstermado, detruado kaj ruinigado.

La sciencon — rimedon por plibonigado de l' homa vivo — oni uzas kiel ilon por fanfaronado kaj kiel rimedon por persona pliriĉiĝo.

Ĉie regas reciproka malamo, malkonfido, suspektado, persekutado. La senĉesa milito kaj sinpretigado al novaj interbuĉadoj anstataŭas la kreadon kaj kulturadon de l' utilaj por la homo aĵoj.

Montoj da homaj korpoj, riveregoj da senkulpa homa sango fekundigas la sen tio jam fekundan teron. Aroj da senlaboruloj ĉiutage serĉas laboron, kiun ili ne trovas, postulas vivrimedojn kaj luktas kun la malsato kaj malsano. Sed la per homa sango kaj karno fekundigita tero restas nekulturita, neutiligita . .

Jen ĉi tie homoj mortas pro malsato, sed jen tie ili ŝvelas kaj suferas pro trosatiĝo.

Aŭ jen ĉi tie la kampoj restas nesemataj manke de greno, kaj jen tie la greno putras manke de postulantoj.

Ĉi tie doktoroj malhavas laboron, kaj ilia instruiteco malportas utilon, kaj jen tie malsanuloj malhavas helpon de l' doktoroj kaj mortas pro senhelpo.

Dimanĉe pastro predikas en la preĝejo reciprokan amon, sinoferemon kaj ne nur hipokritan, sed sinceran pardonadon al la malamikoj, kaj lunde li jam benas siajn disciplojn por sukcesa mortigado de la malamikoj . . .

Aŭ jen sur sia unua paĝo gazeto plendas, ke la gejunularo estas malvirta, malsobra, malĉasta; kaj sur la lasta paĝo ĝi anoncas, ke beleta virino serĉas seksajn interrilatojn kun junaj homoj, kiujn ne interesas la edziĝo . . .

Jen fama profesoro prelegas pri tuberklozo, ĝia kaŭzo kaj kuracado, kaj intertempe la estimata profesoro same kiel la bedaŭrinda tuberkloza aŭskultantaro fumas, fumadas, kaj ĉiuj kune banas sin en la „saniga" tabakfumo.

Jen homoj zorgantaj pri klerigado de l' popolo, predikantaj pri plialtigo de la nivelo de ĝia anima kaj korpa vivo kaj samtempe defendantaj la alkoholproduktadon por la prizorgata popolo. —

Bela, belega estas la granda mondo! . . . Kaj la homoj, reĝoj de la naturo, baraktas en ĝia beleco, dissemante ĉirkaŭ si malamon, morton kaj ruinigon . .

A. Vimson, Tallinn.

Rim. de Red. — Ni opinias la „penserojn" de nia ŝatata samideano Vimson konsiderindaj, kvankam konsentante ne kun ĉio supre dirita. Ekzemple, ni ankoraŭ ne vidis profesoron fumantan dum parolado pri tuberklozo; aŭ, kio koncernas la gazetanoncojn, en Germanujo, kaj certe ankaŭ en aliaj landoj, al gazetoj estas malpermesite publikigi anoncojn pri amrilatoj sen intencata edziĝo.

### Al ĉarma amikineto.

Ĝoja amo **vin** kunligas,
Izoligis **min** la Am'.
Amaj revoj **vin** ĝojigas,
**Miaj** revoj mortis jam.

**Vin** vivigas amespero,
Nutras **min** nur rememor'.
Por **vi** kantas tuta tero,
**Min** la vivo lasis for.

Tamen mia koro juna
Antaŭ via vizaĝ' bruna
Ektremiĝas de admir'.

Mi pri amo rememoras:
En la penso revo floras . . .
Kaj reflamas la dezir'.

Jaume Grau Casas.

# Mao.

De Serena Flohr.

Murr, la bela nigra katviro, sidis sur la tegmento rigardante la lunon, kiu ĵus ronda, flava kaj afabla supreniĝis de malantaŭ alta fumtubo.

„Bonan vesperon!" diris Murr, ĉar li estis ĝentila besto.

„Servus!"[1]) respondis gajeme la luno. „Kiun vi atendas?"

Murr grimacis. Li ĉagreniĝis, ke la luno ĉiufoje, kiam ĝi renkontis lin ĉi-supre, faras la saman scivoleman demandon. Kvazaŭ tio devus interesi la rondulon. Sed tamen Murr devis konsideri, ke li ne perdu bonan interkonsenton kun ĝi, ĉar li bezonis la mildan lunlumon ĉe siaj noktaj amprομenoj jam pro necesa sentimenteco. Do li ekregis sin, altrudis rideton al sia vizaĝo kaj opiniis facilesprime:

„Maon, la grizan etulinon, ŝajnas esti ensorĉigintaj miaj okuloj. Ŝi komunikis al mi per la maljuna Hinz, ke mi hodiaŭ atendu ŝin ĉi tie."

Reale, ja ne estis tute ekzakte tiel, sed — propradire — malege; ĉar estis Murr, kiu helpe de la lama Hinz petis la ĉarmetan Maon, fine veni unu fojon vespere sur la tegmenton. La luno ruze fermetis unu okulon, moke malsuprenrigardante la katviron, kiu leviĝis kaj senpacience ĉirkaŭŝteliris la tegmentan truon, el kiu estas aperonta la atenditino.

„Sed se ŝi ne venos? Eble al aliulo estus promesinta . . .? Jam tre malfrue estas."

Murr kurbigis la dorson kaj iom kraĉospiris, tiom lin koleris la mokoj de la luno, tamen lia respondo sonis ŝajne trankvile.

„Ne estas interkonsentita certa horo, kaj mi havas tempon. Krom tio la nokto estas treege agrabla kaj malvarmeta."

„Nu, laŭ via plaĉo!"

Ŝultroskuante plialteniĝis la luno kaj tuj poste eltrovis sur la alia tegmentoflanko Maon, karese flustrantan kun la makulfela Pifo. Kiam la blua lunlumo dolĉe ŝin ekĉirkaŭis, ŝi subite rektiĝis.

„Ho, pardonu," ŝi murmuris rapideme al sia kunulo, „sed plej urĝa tempo estas por mi hejmeniri. Mia maljuna sinjorino tiel kutimiĝis al mi, ke ŝi ne enlitiĝas antaŭ ol vidi min kap-ĉe-voste dormantan sur mia tapiŝeto. Do, fartu bone kaj — ĝis revido!"

Ŝi frotis karese sian felon ĉe la lia, poste ŝi sensone glitis trans la tegmenton kaj malaperis rapide post mallarĝa fenestro, por baldaŭ poste, sur la alia domflanko, eliĝi el la tegmentotruo, antaŭ kiu Murr sopire ŝin atendis.

„Ĉu mi venas malfrue, ĉu vi longe atendis, vi bedaŭrindulo?" ŝi demandis senspire. „Sed la kuiristino mulsupre volis min enŝlosi en la kelon, por ke mi kaptu musojn, kaj ne estis tute facile al mi, malkaptiĝi. Kion imagas la stultulino, mi — kaj muskapti!"

Fiere sulkigis Mao la rozkoloran nazeton.

„Vere," kapsignis la enamiĝinta katviro plena de indigno. „Vi ja certe ne estas kreita por tia ordinara laboro, vi rava princineto!"

La eta grizulino karese alpremis sin al la nigra katviro, samkiel antaŭ nelonge ŝi estis karese alpreminta sin al la makulfela Pifo, kaj ekĝemegis.

„Ha, kiom bonfare estas trovi kompreneman, kunsenteman animon, duoble bonfare, kiam oni estas tiom forlasita kiom mi."

Kaj kun bone ludata melankolio ŝi turnis siajn bluokulojn ĉielen, ekrimarkante la grimacantan vizaĝon de la luno. „Kiel bone estas, ke ĝi sinlentemas, ĉar ĵus ĝi ja vidis min kune kun Pifo," ŝi malgrave ekpensis. Tamen ŝi turnis sin babilante el la nokta helo al la ombro de muro, kaj Murr sekvis ŝin, per siaj verde brilantaj okuloj observante ĉiun movon de ŝia fleksiĝema korpo.

En la veninta nokto klaĉis[2]) la luno. Al Murr pri Mao kaj Pifo, kaj al Pifo pri Mao kaj Murr. Kial do ne? Al ĝi nenio povis okazi, ĝi estis malproksime. Kaj ĉar ĝi enuis rondvojaĝante, ĝi ŝatis, iafoje kaj iamaniere elskui homojn kaj bestojn el ilia rutina kutimemo.

Kolervibrante ŝteliris Murr unu- kaj Pifo aliaflanke al la firsto[3]) de l' konstruaĵo, por sekrete konvinkiĝi, ĉu la luno diris veron aŭ mensogis. Supre ambaŭ kunpuŝiĝis neatendite kaj furiozege atakis unu la alian. Ilia kolera miaŭado kaj spiraĉado penetris ĝis la malgranda griza Mao, kiu sidis sur la najbara domo en la ombro de kamentubo kaj permesis al la tigrofela Mungo, la plej belega kaj plej energia katjunulo de la tuta najbarajo, flustri arde kuraĝajn amvortojn en ŝian orelon.

„Nekompreneble, ke tiaj ulaĉoj per sia malbonsona disputo malsanktigas ĉi tiun belegan lunnokton," ŝi diris kolerigite, „anstataŭ ĝui kun siaj amatinoj la sor-

[1]) Via servanto!

[2]) Klaĉi = babile perfidi.

[3]) Tegmentosupro.

# Esperanto dum maskobalo.

Jam en nia pasinta numero ni povis montri al niaj legantoj ilustraĵon montrantan, kiel nederlandaj gesamideanoj uzis la maskobalon por propagandi Esperanton per siaj kostumoj.

Hodiaŭ ni prezentas al niaj amikoj tre ĉarman similan bildon el la varmega kontinento: Afriko.

Kiel jam konate al niaj legantoj, antaŭ nelonge organiziĝis Esperanto-grupo en Tanta (Egiptujo). Nia tiea agema samideano s-ino Nikolaidu nun uzis la karnavalan sezonon por fari bonegan propagandon ĉe maskobalo de la helena „Filharmonio". Ŝi aranĝis grupon de entuziasmulinoj, kiuj vestiĝis kiel „Esperanto", kun ekbriletantaj steloj ĉe la frunto. Kondukis ilin en la balon la naŭjara filino de s-ino Nikolaidu. Ili salutis la grekan konsulon kaj la „mudir'on" (reganton) de la provinco Garbia kaj prezentis al ili kokardon. La konsulo kaj la mudiro varme gratulis ilin. Poste ĉiuj ĉeestantoj ricevis kokardon, kaj de loĝio oni disĵetis al s-ino Nikolaidu premion, kaj ankaŭ la mudiro denove gratulis ŝin. Laŭ ilia peto, ŝi devis klarigi la celon de nia lingvo, kaj la konsulo kaj aliaj ĉeestantój multe interesiĝis kaj volas lerni Esperanton.

Kelkaj egiptoj kaj grekoj jam lernas aparte, sed oni atendas la alvenon de greklingvaj lernolibroj por komenci regulan kurson inter la grekoj.

La personoj sur la bildo estas: s-ino S. Nikolaidu (en la mezo), f-ino M. Uĉi (maldekstre de ŝi), s-ino H. Zafiropulu (dekstre), f-ino Marika Nikolaidu (kun la verda flago) kaj f-ino E. Zlatani (kiu tenas la maskon en la mano).

# El Scienco kaj Tekniko.

### Karbo kaj oleo.

Estus erare supozi, ke ekzistas ia fundamenta lukto inter hejtaĵoj solidaj kaj likvaj. Ĉiu havas sian specialan kampon, kiun la alia ne povas uzurpi. Tamen, ekzistas malvasta areno, kie la du hejtaĵoj konkuras unu kontraŭ la alia; la uzado de unu aŭ alia dependas de ekonomia konsidero kaj de ilia adaptebleco al speciala uzado.

En nevasta areno karbo kaj oleo efektive inter si konkuras kiel hejtaĵo por kaldronegoj; la supereco de oleo estas klare videbla por uzado en certaj specoj de ŝipoj. Estas tre facile tenadi oleon en lokoj tute ne taŭgaj por iu solidaĵo, kiel ekzemple en la kareno (fundo) de ŝipo. Oleo estas kompakta kaj eksterordinare facile movebla de loko al loko. Ĝi povas flui tra tuboj, estas facile pumpebla kaj liverebla al la ĝusta loko de uzado per minimuma elspezo de energio ĉu homa ĉu mekanika. Dum brulado ĝi produktas nek cindron nek skorion. Por ekbruligi ĝin estas bezonata tre malmulte da atento. Tre granda ŝparo efektiviĝas ne nur rilate al spaco sed ankaŭ rilate al nombro de laboristoj. Pli da loko estas libera por ŝarĝo kaj por pasaĝeroj. Krom tio, oni devas konsideri ĝian plian kalorian valoron, volumenon kontraŭ volumeno, pezon kontraŭ pezo, de tiu de karbo.

Krom tio supre dirita estas vasta kampo, kie, pro la alta kosto de rafinado kaj traktado de kruda oleo, la olea restaĵo tute ne povas konkuri kun la pli malkara karba hejtaĵo; kaj ne estas iu signo, ke tiu pozicio estos renversata kun la tempo.

Ne forgesu, ke la proporcio da karbo kontraŭ kruda oleo produktita (bazita sur ciferoj por 1925) estis 10:1, kaj tre granda proporcio de la oleo reprezentas malpezajn produktaĵojn, kiuj estas uzataj por celoj, en kiuj karbo estas tute senutila.

Laŭ larĝa vidpunkto la solida karbo kaj la likvaj hejtaĵoj do povas esti konsiderataj pli kiel komplementigaj unu la alian ol kiel kunkurantoj kaj, laŭ nuntempaj scioj, ili tenados siajn sferojn de utileco pli malpli senfine. La kvanto da karbo en la tero estas probable multe pli granda ol pesimistaj profetoj kredigas al ni. En la sesdek jaroj, dum kiuj minerala oleo estas ekspluatata, nur du trionoj da kuba mejlo de kruda petrolo estas eltirita el la krusto (la supraj tavoloj) de la tero.

Dum ni nur scias pri kruda petrolo, ke ĝi estas gasa aŭ likva hejtaĵo, ni povas konsideri la karbon kiel soliĉan hejtaĵon, al kiu ni kutimiĝis, kaj kiel la fonton de diversaj specoj de likvaj hejtaĵoj, precipe karbo-gaso kaj motor-petrolo.

*Esperanto dum maskobalo en Tanta, Egiptujo.*
*(Legu la koncernan artikolon en la hodiaŭa numero!)*

Oni multe eksperimentas kun karbo, kiu en ŝanĝita formo emas fariĝi konkuranto de kruda petrolo, eĉ en ĝia propra sfero; tamen multo estas farota antaŭ ol tiu konkurado estos ekonomie grava. Dum pli ol cent jaroj fluanta karba gaso estis, malgraŭ sia alta prezo, favorata hejtaĵo en multaj rondoj; sed la hodiaŭa bezono estas multe pli granda, kaj kontentigo estas jam en praktiko videbla. Oni devus emfazi, ke tiu streĉa esplorado estas afero ne nur komerca. La tuta milita organismo sur tero, sur maro kaj en aero fariĝus senpova, se mankus sufiĉe da likva hejtaĵo; do, emo al nacia memdefendo ludas grandan rolon en ĉi tiuj intencaj eksperimentoj.

Tre granda intereso estis vekita pro la pretendoj de germana sciencisto Bergius, kiu — sekve de dek jaroj da eksterordinare brila tekniko — solvis la problemon, kiel likvigi karbon kun duonkomerca financa profito. Bergius fakte submetas karbon al la influo de hidrogeno sub tre granda premado kaj asertas, ke li atingis altan kvanton da likvaĵoj. Tiuj likvaĵoj ne estas identaj kun kruda petrolo, kaj ili bezonas specialan traktadon, por ke ili estu taŭgaj anstataŭi mineralan oleon. Estas ankoraŭ tro frue diri, ĉu la procedo de Bergius estas profita en negoco; grandaj sumoj da mono estas elspezitaj por ĝi, kaj ĉia havebla kemia, fizika kaj inĝeniera forto estis metita al ĝia produktado.

Ŝajne pli promesdonaj estas la laboroj de Fiŝer, Pétard kaj multaj aliaj eksperimentistoj, kiuj jam montris, ke akva gaso, produktita per vaporo sur ardanta koakso, povas per simpla procedo de katalizo (kemia forto) esti transformata je likvaĵoj. Tiel nuntempe metila alkoholo estas portata al la merkato kun negoca profito, kaj jam aperis en la teknika gazetaro sciigoj, ke en Germanujo oni muntas maŝinaron kapablan produkti potage 1000 tunojn da sinteza hejtaĵo por motoroj, kaj ke post du jaroj tiu produktokapablo estos duobligita.

Ligita kun tio estas la perspektivo ricevi oleon per karbonizado de karbo je malalta temperaturo. Dum tre multaj jaroj oni scipovis distiladi la karbon per alta temperaturo (ĉ. 1100° C.), produktanta lumgason, gudron kaj koakson. Sed malalta temperaturo (ĉ. 600° C.) donas aliajn produktaĵojn: unue, senfuman hejtaĵon por domoj, facile flamigeblan kaj bruleman kun negranda flamo; due, gason negrandan laŭ volumeno sed grandan laŭ terma (varmiga) valoro; kaj trie, tre likvan gudron (ĉ. 82—90 litrojn el tuno da karbo distilita). El tiu gudro kaj gaso estas ricevebla motora petrolo (ĉ. 9 litroj el tuno da karbo) kaj duonpetrolo, kiu estas transformebla parte je gasolino. La gudro ankaŭ enhavas ĉ. 30 % da peĉo. Se 35 milionoj da tunoj de domkarbo estus jare anstataŭataj de senfuma hejtaĵo, devenantaj el 50 milionoj da tunoj de karbonizita karbo de malalta temperaturo, estus produktataj 2778 milionoj da litroj de gudro pojare, el kiuj povus esti fabrikataj 910—1312 milionoj la litroj de gasolino.

Kredeble estas certe, ke tre baldaŭ ĉiuj karbohavaj landoj povos fari el siaj solidaj hejtfontoj grandajn kvantojn da likvaj hejtaĵoj.

Tradukis E. E. Yelland.

### Nova rapidboato.

„Secolo" raportas, ke la konata aŭtomobilkonstruktoro Bugatti en Milano nun konstruas rapidboaton, kiu jam en la nuna jaro entreprenos provan veturon. Laŭdire, la nova boato povos veturi de Ĝenovo al Novjorko en 50 horoj. La boato havos pohoran rapidecon de 100 kilometroj: ĝia ejo por brulmaterialo povos teni sufiĉan materialon por 60 horoj, kaj ok pasaĝeroj trovos lokon en la boato.

### Al niaj legantoj!

Verda Stelo povis ĝis nun aperi nur je la mezo aŭ fino de ĉiu monato; sed de nun ni klopodos aperigi ĝin ĉiam jam en la komenco de ĉiu monato, tiel ke ĝi estos ĝis la 10-a de ĉiu monato en la manoj de la pli multaj samideanoj.

ĉan, blubrilan trankvilon kaj solecon, kiel ni faras, ĉu ne?"

Deloge ŝi rigardis ĉe tiuj ĉi vortoj la sveltan*) Mungon. Kaj ĉi tiu katzumis en feliĉa konsento.

La luno surĉiele ekstreme amuziĝis. Ĝi ridis pro la malsaĝeco de la tri katviroj, de la eta, malsincera Mao tiel ridinde senkonscie trompitaj, kaj miris iom, ke la bestoj ne estas pli saĝaj ol la homoj.

Elgermanigis
J o b o, Kordovo.

*) Svelta = gracie maldika.

### La vivo.

Mi renkontis knabinon; ŝiaj nigraj haroj brilis kiel lako japana, miozotbluaj okuloj demandis: „Ĉu vi venas kun mi?"

„Mi ne povas," mi flustris, „pardonu, mi ne povas. En la montoj estas printempo, kaj mi devas admiri la florantan naturon. Mia animo kantos la plej belajn kantaĵojn, vidante la fumantajn valojn kaj la leviĝantan sunon. Mia animo estas gracila kaj deziras kantante la solecon. Pardonu, mi ne povas!"

La tempo pasis . . . Kaj denove mi renkontis belan knabinon; ŝiaj brunaj haroj posedis la koloron de kaŝtanoj; la okuloj, kiuj promesis grandegan amon, logis: „Venu, venu kun mi!"

„Pardonu," mi ĝemis, „mi ne povas. Mi havas hejme multegajn, dikajn librojn kaj mi ankoraŭ ne scias, kio estas en ili. Oni diras, ke oni povas trovi en ili multe da saĝeco kaj beleco. Tre volonte mi volus akompani vin tra la vivo, tre volonte; sed mi devas legi hejme la dikajn librojn . . ."

La tempo pasis . . . Mia animo ne kantis plu melodiojn al printempo, ĝi fariĝis muta . . . Hejme mi ne havis plu dikajn librojn legotajn, mi jam delonge finlegis ilin. En mia animo regis soleco, hejme kriis en ĉiuj anguloj la malpleno; mia vivo estis malĝoja, malgaja kaj soleca.

Ankaŭ nun mi renkontis belan knabinon; ŝia kapo estis pli kliniĝema ol la kolo de l' cigno, la okuloj estis nigraj simile al la malhelega nokto kaj la haroj memorigis pri la plumaro de l' korvoj.

„Venu kun mi!" mi petis. „Plibeligu mian vivon!"

„Pardonu, mi ne kuniros," ŝi respondis, „vi jam estas maljuna."

Esperantigis Fr. Mimler.

### Skribmaŝinriparo.

Ekscita komedio de Karl Seevers.

Tri aktoj kaj epilogo; loko: mia kontoro; personoj: vi ankoraŭ konatiĝos kun ili.

**Unua akto:** Mi volas telefone paroli kun skribmaŝinmekanikisto, ĉar mia skribmaŝino estas difektita. „Kiu estas tie? Ĉu telefon-oficejo? Bone! Fraŭlino, mi petas numeron Trideksesmil Okcentsesdekunu. — — Kion? Sesdektrimil? Ne, tute ne, Trideksesmil! — — Kiu estas tie? Ĉerkomagazeno »Mortu baldaŭ«? Ne, mi ankoraŭ ne volas morti!"

Malbenante, mi refoje signalas al la oficejo. Post kvin malĝustaj kontaktigoj mi fine ricevas la ĝustan.

„Ĉu tie estas mekanikisto Korekt, jes? Dankon al Dio! Ĉu vi ricevis mian skribmaŝinon? Jes? Bone! Mi petas vin, kara sinjoro, bonvolu rapidigi la riparon; mi tre urĝe bezonas la maŝinon. Kiam mi ricevos ĝin, ĉu eble morgaŭ? — — Hodiaŭ vespere ankoraŭ? Vi estas vera anĝelo, kara sinjoro! Adiaŭ!"

**Dua akto:** La postan tagon mi ree telefonparolas kun la mekanikisto, ĉar la maŝinon mi ankoraŭ ne ricevis.

La unuan fojon matene je la 8-a horo mi ricevas la respondon: „La sendito estas survoje", la duan fojon je la 10-a horo je mia demando: „Ĉu la sendito spertis akcidenton?" — „La maŝino je la 12-a horo certe estos en via posedo."

Je la 14-a ĝi fine alvenis.

**Tria akto:** Antaŭ la longe sopirita skribmaŝino sidas mia stenotipistino kaj apud ŝi — mi. Granda trombona orkestro ludas: „Nun laŭdu gaje Dion en tago tiu ĉi — —"

Mi komencas dikti: „Tre estimata sinjoro Vend! Ricevinte vian ŝatatan leteron de l' 16-a k. m., mi respondas al vi . . ." Subite rigardante la skribaĵon, mi legas: „Tra astimete sinjoro Vand! Ricavinta vien ŝeteten ktp."

„Kion vi skribas tie, fraŭlino? Ĉu vi freneziĝis?" mi vokas ekkolerinte.

Ektimante pri tiu ne kutima patosa eksplodo, ŝi rigardas unue min kaj poste la skribaĵon. Ŝi komencas ankoraŭfoje. La sama skribaĉaĵo. Fine ŝi konstatas: „La mekanikisto interŝanĝis la literojn e kaj a."

„Nun vi devas frapadi la klavon e, se vi volas skribi a, kaj a, se e!" mi konsilas al ŝi.

Sed ŝi diras: „Ne, tion mi ne povas; mi nur povas skribi per normalsistema klavaro."

Kion fari? La letero devas esti skribata. Mi havas ankoraŭ nur unu rimedon: diktante interŝanĝi la literojn. Mi komencas: „Tra astimete . . ." ktp. Post tri frazoj mi ne plu kapablis klare pensi. Mi voke venigis „mien keren adzinon", deklaris al ŝi la artifikon. Nun ŝi komencis dikti, sed ankaŭ nur tri frazojn. Poste sekvis la servistino. Ĉar neniu plia ĉeestis, mi ree devis dikti. Intertempe la letero estis finita, sed ĉiuj kunagintoj estis taŭgaj por la nervokuracejo.

Kaj nun la **epilogon.** Pri ĝi mi nur volas sciigi al vi, kio estas skribita en mia ĉeflibro:

**Skribmaŝinriparo.**

| | |
|---|---|
| Al mekanikisto . . . . | 19.80 Mk. |
| Monata restado de 4 personoj en nerva kuracbanejo | 1005.— Mk. |
| Entute: | 1024.80 Mk. |

Instruisto: Ĉu vi scias ion pri gramatiko?

Knabineto: Mi ja pensas tion.

Instruisto: Nu, gramatike analizu ĉi tiun frazon: „Li ŝtelis la viandon. Kio estas „li"?

Knabineto: La ŝtelisto, kompreneble.

# Diversaĵo.

**La poŝtsako de Internacia Laboroficejo.**

Al ĉiuj kiuj studas la klopodojn de la Internacia Laboroficejo, la konstanta pligrandiĝo de ĝia poŝtsako ne povas esti seninteresa.

De 1925 al 1926, la tuta nombro da leteroj ricevitaj plialtiĝis de 32 300 al 33 250 kaj nombro da leteroj senditaj de 27 000 al preskaŭ 40 000. Entute la poŝto en 1926 portis al kaj de la oficejo ĉirkaŭ 73 000 leterojn.

Por tiu korespondado estis uzitaj 23 lingvoj, el kiuj Esperanto estas unu. La korespondantoj troviĝas en 98 ŝtatoj, protektoratoj, kolonioj aŭ mandatitaj teritorioj.

Rilate al tiu korespondado, la oficejo faras vastan esploradon, por provizi informojn al la registaroj, mastraj kaj laboristaj organizaĵoj kaj privataj personoj kaj institucioj, kiuj alvokas la helpon de la Internacia Laboroficejo.

**Viro kaj virino.**

El artikolo de P. Mulford.

La ina elemento en la naturo plidelikatigas, la vira kreas. Pli klare ol viro vidas virino; pli bone realigi, kion vidas la virino, scias viro. Virino ekkonas, kio estas farota; viro ĝin faras, ĉar li estas organizita pli maldelikate kaj pro tio povas pli facile produkti. La spirita okulo de virino, ŝia intuicio, estas pli potenca ol tiu de viro, sed la spirita forto de viro povas pli bone efektivigi, kio estas efektivigota. Inter virinoj ekzistas pli da diveneno ol inter viroj. Pro tio de pratempo virinoj estis la unuaj, kiuj preceptis kaj komprenis novajn malkaŝojn. Virinoj estis la plej fidelaj disciploj de Kristo.

Virino estas la profetistino kaj avertistino de viro. Ŝi estas kiel la delkata meteorologia instrumento, kiu rapide anoncas osciladojn en la aerspaco kaj rapide registras alproksimiĝantajn ŝanĝojn.

Virinaj fortoj aŭ virina spirito pro tio estas necesegaj kaj gravegaj por viro.

Trad. Dr. Dr. Fr. Fr.

**La plej riĉa virino de la mondo bankrotis.**

S-ino Suzuki estis la direktorino de l' potenca Suzuki-Koncerno en Japanujo, kaj ŝiajn posedaĵojn resp. ŝian kapitalon oni taksis je 200 mlionoj da dolaroj. Post la granda tertremego antaŭ kelkaj jaroj la koncerno havis, kiel multaj aliaj entreprenoj, financajn malfacilaĵojn, sekve de kiuj ankaŭ la Banko de Formoso suferis. La parlamento ne konsentis la subtenon al la banko proponitan de la registaro, kaj tial la japana ĉefministro Vakacuki devis demisii. Oni vidas el tio la ĉiam pli grandan dependon de la mondpolitiko je la ekonomiaj fortoj.

**Aŭtomobilismo.**

Laŭ informo de Usona Komerca Departemento, aŭtomobilo jam estas trovata preskaŭ en ĉiu parto de la mondo. En Usono la nombroj parolas. Do, ĉiu 71-a persono en la mondo posedas unu aŭtomobilon. La nombro de ĉiuj aŭtomobiloj en la mondo estas pli ol 24 000 000. En Usono venas unu aŭtomobilo je 6 personoj, en Havajo je 11 personoj, en Kanado je 13, en Ĥinujo je 31 871, en Abisenujo je 133 333, en Liberio je 54 259 (entute 54 aŭtomobiloj), en Heĝaso je 225 000 (entute 4 aŭtomobiloj), en Afganujo je 1 200 000 personoj. Francujo posedas ĉ. 800 000 aŭtomobilojn; preskaŭ kvaronon de tiu ĉi nombro posedas Parizo kaj la departemento de la Sekvano (Seine).

R. J. R., New York.

**Ŝajnmorto.**

En Zaframbol, Turkujo, okazis stranga afero. Iu Ismail Altmikbeŝier, malsana dum certe tempo, mortis. Laŭregule estis ricevita permeso lin enterigi. Parencaj viroj ĉeestis dum la lavado de la korpo. Tiu estis metata sur la tablon. Kiam la lavisto surverŝis sur lin kelkajn pelvojn da akvo, la korpo komencis moviĝi. La movoj fariĝis pli kaj pli oftaj, kaj je ĉies konsterno la homo reviviĝis. Malferminte la okulojn, Ismail diris: „Kial vi lavas min ne en la banejo? Al mi ĉi tie estas malvarme.“ Oni tuj transportis la reviviĝinton en lian ĉambron. Pro la lavado en malvarma ĉambro li grave malsaniĝis je gripo.

T. Y., Konstantinopolo.

**Kiom kostis la mondmilito, kaj kion oni povus aĉeti por la mono.**

Usona parlamentano, s-ro Victor L. Berger, antaŭ nelonga tempo faris en la Vaŝingtona parlamento paroladon pri la kostoj de la mondmilito, kiuj sumiĝis je ĉ. 400 miliardoj da dolaroj, se oni kalkulas ne nur la rektajn monelspezojn sed ankaŭ la ceteran domaĝon kaŭzitan de la milito.

Por tiu mono oni povus al ĉiuj familioj loĝantaj en Usono, Kanado, Anglujo, Francujo, Belgujo, Germanujo, Ruslando kaj Aŭstrio doni domon valorantan 2500 dolarojn, kun meblaro ktp. Krom tiu universala donaco restus ankoraŭ sufiĉe por konstrui en ĉiu urbo en supre nomitaj landoj kun 20 000 loĝantoj lernejojn por 10 milionoj da dolaroj kaj bibliotekojn por 5 milionoj.

Plue oni povus, se la restintan monon oni donus al bankoj, por rentumo de 5 % pagi bonan salajron (2000 dol.) al 125 000 instruistoj kaj 125 000 flegistinoj. Post plenumo de tio, restus ankoraŭ tiom, ke oni povus aĉeti tutan Francujon kaj Belgujon kun ĉio, kion ili posedas, t. e. pagi por ĉiu bieno, domo, fabriko, fervojo, tramo.

Oni devas aldoni, ke sumo de 400 miliardoj da dolaroj en kolonoj de pura oro pezus 800 milionojn da kilogramoj, oni do devus uzi 80 000 vagonojn por transporti tiun orŝarĝon, t. e. 1600 vagonarojn po 50 vagonoj.

Tiom elspezis la ŝtatoj por mortigi milionojn da homoj kaj por vundigi aliajn milionojn tiel, ke ili suferos dum sia tuta vivo.

(Traduko sendita de tri polaj samideanoj.)

# Lingva tasko.

**Esploru, kio estas erara en ĉi-sekvantaj frazoj, kaj provu korekti ilin:**

1. Forpelinte sian filon, la patron ekpremis pento pro la severeco de la puno.
2. La laboro finite, Petro veturis hejmen.
3. La patrino vokante, la knabo obeeme alkuris.

**Solvo el n-ro 4.**

Ĉu vi vidas la vilaĝon jen en la valo? Kiel gaje lumas ĝiaj blankaj dometoj el inter la verdaj arboj! Venu, ni iru rapide por baldaŭ atingi ĝin! Jen estas gastejo! La mastro staras antaŭ la pordo, kvazaŭ li atendus nin. Lia roza vizaĝo, lia dika ventro pruvas lian bonfarton. Ni prenu gluton, antaŭ ol marŝi en la vilaĝon! „Mastro, donu al ni bonan bieron!“ Ho, kiel ĝi revivigas niajn fortojn! „Koran dankon, kara mastro! Adiaŭ, ĝis la revido!“



# Anoncetoj.

**Filatelistoj atentu!** S-ro H. Suslik, Myslowice, Poŝtkaŝujo 39, Polujo, deziras interŝanĝi PM kaj PI (bfl.) kun gesamideanoj tutmondaj. PM mi interŝanĝas peco por peco de 100—500 diversaj, aŭ laŭ katalogo Michel kaj Zumstein 1927. Pli bonaj por pli bonaj. Ĉiam tuj kaj certe mi respondos. (33

**Fotografaĵojn** je valoro internacia mi serĉas por interŝanĝi kaj presigi en ilustrita gazetaro. Adreso: Pollando, Warszawa, ul. Chmielna 8, Wl. Golosow.

**Belaj esperantistinoj** sendu sian fotografaĵon por eventuala publikigo. Preferataj tiuj de aktorinoj, dancistinoj, kantistinoj, pentristinoj k. s. Ankaŭ fotoj en nacia kostumo dezirataj. Nekonvenajn fotojn ni resendos nur, se estos aldonata respond-kupono aŭ samvalora monbileto (ne poŝtmarkoj). Sendu al Heroldo de Esperanto, Horrem b. Köln.

**Ilustr. poŝtkartoj de Germanujo kaj Tirolo** kun plej detala Esperanto-teksto estas eldonitaj de la Berlina Esperanto-Unuiĝo, loka grupo Mezo. La belegaj kartoj, presitaj laŭ artfotografaĵoj en kupra preso, estas la plej efikaj propagandiloj por nia ideo. Unu serio (6 diversaj vidaĵoj) kostas nur rmk. 0.45 aŭ 2 resp.-kuponojn; 10 serioj rmk. 4.— aŭ egalvaloron. Mendojn bv. direkti al la grupkasisto s-ro Erwin Scholz, Berlin-Karlshorst (Germanujo), Dorotheastr. 25. (Poŝtĉeko Berlin 804 74).

S-ro A. M. Riswick, Eleonorastraat 55 C, Rotterdam, Nederlando, deziras interŝanĝi PI. Mi sendos serion da 12 kartoj kiel presaĵon da PI de florantaj bulbokampoj. (Unu karton semajne.)

S-ro G. Morozov, Kandalakŝa, Murmanskoj fel. dor. barak. 21 b, kv. 2., Nord-Sovetunio, por perfektigo en Esperanto deziras korespondi per L kaj PI kun gesamideanoj el la tuta mondo. Tuj respondos.

Du fraŭloj deziras korespondadi kĉl. per PI (bfl.). Wilhelm Hank kaj Josef Withalm, Krems, Lederergasse 11, Aŭstrio.

S-ro Christiansen, Flensburg, Schleswig-Holstein, Glücksburgerstr. 162, Germanujo, deziras korespondi per PI kaj L pri pacifismo kaj aliaj temoj.

Fraŭlo ĉefserĝento Buschle, Flensburg, Schutzpolizei, Duburgerstr. 155, Germanujo interŝanĝas PI kaj L kĉl. Tuj respondos.

Juna fraŭlo Stojan Vasilev, instruisto, Beglej-Plevensko, Bulgarujo, deziras korespondi kĉl. interŝanĝante nur PI, vidaĵojn, pejzaĝojn, panoramojn kaj esperantlingvajn naciajn gazetojn. Respondos tuj kaj certe. (28

**Versfarado.**

Je doloro rimas koro,
Bonodoro kaj ador',
Kaj ankoraŭ mor' kaj floro
Je fervoro kaj favor'.

Kaj cetere: -inta, -anta,
-Onta, -ist', -ec', -il' kaj -ul'
Estas ar' faciliganta
Versfaradon sen makul'.

Sen makulo gramatika —
Jes, pri tio pravas vi!
Sed vi, hom' facilkritika,
Versfarad', ĉu estas ĝi
Vere nur labor' fabrika
Aŭ fajrer' de l' propra „Mi“?

Adalberto Smit.

**Humoro.**

**Alsendis Floro, Londono.**

**Ekscitita pasaĝero:** Ĉu tiu ĉi estas mia vagonaro, portisto?

**Portisto (trankvile):** Vere, sinjoro, mi ne pensas tion. Laŭ la literoj sur ĝi, ĝi apartenas al la Granda Okcidenta Fervoja Kompanio.

**Ekscitita pasaĝero:** Mi ne intencis diri tion. Ĉu mi povas preni ĉi tiun vagonaron al Bristol?

**Portisto:** Demandu la stacidomestron. Eble li permesos, sed kutime la lokomotivo prenas ĝin.

---

**Inspektoro:** Kiam mi staras sur la kapo, la sango fluas al la kapo. Kial do la sango ne fluas al la piedoj, kiam mi staras sur la piedoj?

**Knabo:** Ĉar viaj piedoj ne estas malplenaj.

---

**Instruisto (al knabeto):** Kiel vi nomiĝas?

**Knabo:** Georgo Smit.

**Instruisto:** Vi devus diri „sinjoro“, kiam vi parolas al la instruisto.

**Knabo:** Sinjoro Georgo Smit.

---

Iun tagon knabeto petis de sia patro du pencojn por iri vidi serpenton en menaĝerio. La patro diris al li: Mi ne permesas, ke vi tien iru. Jen estas mikroskopo! Foriru kaj serĉu vermon!

# Enigma konkurso.

**La solvoj de la enigmoj en la hodiaŭa numero devas alveni ĝis 15. 6., el transoceanaj landoj (escepte de Nord-Ameriko) ĝis 15. 8.**

**1. Silab-enigmo.**

a, a, an, bro, co, de, den, di, di, do, do, e, for, ga, go, go, in, is, ko, ko, ko, kro, la, lak, lar, lo, lo, me, mi, mi, mo, na, ni, nu, o, ok, pe, pi, ri, ro, ro, si, so, su, to, to, ur, ves, vi.

El ĉi-supraj 49 silaboj estas formotaj 15 vortoj, kies komencaj kaj triaj literoj, legataj de supre malsupren, nomas sentencon el la poemaro „Pilgrimo“ de Julio Baghy.

La vortoj signifas: 1. laborema insekto, 2. geografia esprimo, 3. trinkaĵo, 4. religio, 5. konata akvofalo, 6. komerca esprimo, 7. infekta malsano, 8. hebrea preĝejo, 9. granda rampovesto, 10. nutraĵo, 11. kontinento, 12. parto de l' tago, 13. monato, 14. diferenceto, 15. raba mambesto.

**2. Krucvort-enigmo.**




La **horizontalaj** vortoj signifas: 1. supera lernejo, 7. sufikso, 8. persona pronomo, 10. sufikso, 12. centreŭropa riverego, 13. prepozicio, 14. vintrosporto, 16. ereto, 18. laŭmodulo, 21. korpoparto, 23. sufikso, 24. ĉefia dramo tradukita en Esperanto, 25. sufikso, 26. artikolo, 27. sufikso, 29. popolo sur Pirenea duoninsulo.

La **vertikalaj** vortoj signifas: 2. konjunkcio, 3. uzata por rigidigi tolaĵon, 4. historie konata insulo, 5. persona pronomo, 6. lando de feliĉo, 9. granda havenurbo en Eŭropo, 11. konjunkcio, 13. same kiel 11, 15. ma'granda popolo en Eŭropo, 17. tabelvorto, 19. sufikso, 20. metalfadeno, 22. malkonsenta vorteto, 26. artikolo, 28. nombro.

La Esp.-vortoj sen gramatika finaĵo.

**Solvoj el n-ro 3.**

**1.**

1. BroMo, 2. EntUziasmo, 3. EliZo, 4. TiIlo, 5. HarKilo, 6. OptIko, 7. VerSaĵo, 8. EliTo, 9. NepO. — Beethoven — muzikisto.

(Kiel kelkaj solvintoj nin atentigis, la vorto „harkilo“ nek ekzistas en Esperanto nek estas enkondukinda, ĉar por ĝia signifo ni jam posedas „rastilo“. Oni pardonu la eraron!)

**2.**

**Horizontale:** 1. konkurenc, 6. lard, 9. abel, 11. pilk, 13. kali, 17. Fundament.

**Vertikale:** 1. kol, 2. nur, 3. us, 4. Elb, 5. cel, 7. abi, 8. dek, 9. ark, 10. ebl, 11. paf, 12. lan (aŭ lin), 14. are, 15. int, 16. da.

Solvojn alsendis ĝis nun 49 gesamideanoj el 16 landoj; el ili solvis po 2: Arabeno, Bayhofer, Berger, Bräuer, Brendgens, Charon, Cipera, Deligny, Dietrich (Cr.), Alfr. Diettrich, Dittrich (Wien), Donath, Dratwer, Dutschmann, Ellerbeck, Karl Fischer, Gensch, Geyer, Grodl, Hammermeister, Hasbach, Henningsen, Hoen, Indra, Jeremies, Kösters, Krijt, Kristjansson, Mangada, Matriciani, Menne, Meyer (Fft.), Minke, Nischwitz, Paschedag, Plehn, K. Rambousek, Rusch, Salin, Savicki, Schöttl, Simmons, Simon, Ŝirjaev, Weiske, Werner, Wilke.

Solvis po 1: Kolodziej, Visner.